# INTERNACIA ĴURNALISTO


# 1

JANUARO—MARTO

1968 (JARO XII)




Madrid — Kongresurbo 1968


Sofio — Bulgario

# VOJOJ DE INTERLINGVISTIKO

*Merkrede la 24-an de januaro 1968 en la Instituto de Lingvoscienco de USSR okazis prelego de nia hungara kolego kaj filologo — Istvan Szerdahelyi pri la objekto kaj limoj de interlingvistiko. La evento de esperantlingva scienca prelego en Akademia Scienca Instituto estas per si mem tre grava. Sed estas gravaj ankaŭ la levitaj problemoj kaj la okazinta diskuto, en kiu partoprenis aŭtoritataj filologoj E. Bokarev, O. Aĥmanova, V. Grigorjev, M. Isaev kaj aliaj.*

*La konkluda praktika propono estis formi grupon aŭ sektoron de Interlingvistiko en la sino de Lingvoscienca Instituto. La problemo jam maturiĝis eĉ en lingvosciencaj kadroj ĝis kompreno pri urĝa neceso komenci seriozan sciencan laboron en sferoj de praktikaj agoj, ĉar la internaciiĝo de l' scienco de unu flanko kaj la revolucia evoluo de transportiloj kaj komunikilaro metas tiun problemon en preferindan lokon. Des pli ke praktikaj interlingvistoj konstruis, konstruas kaj perfektigas siajn partajn kaj profesiajn internaciajn lingvojn. La neceso koordini praktikajn agojn kaj reciproke interŝanĝi ideojn, la neceso reciproke eluzi akiritan sperton estas jam nun vojo al ŝparo de tempo, monrimedoj kaj energio.*

*Oni parolis pri neceso studi kaj evoluigi la teorian edificon de l' interlingvista scienco, historian interlingvistikon, komparan kaj aplikan interlingvistikon, des pli ke en la lasta sfero estas tiom gravaj praktikaj problemoj, kiel*

*A) Interlingvistikaj funkcioj de naciaj lingvoj,*

*B) Artefaritaj lingvoj ĝenerale kaj Esperanto speciale,*

*C) Maŝinaj, kalkulaj kaj aliaj pontlingvoj de l' nuntempaj elektronaj kalkuliloj, kaj eble certaj pure semiotikaj internaciaj lingvoj.*

*Kaj, salutante, certe, la turnon de l' eventoj, oni devas paralele, aŭ eĉ, eble, unuavice prikonsideri la sociologian aspekton de l' problemo. Ja la ĉefa konkludo pri praktikebleco de l' koncerna lingvo estas unuavice la sociologia. Tion pruvas la historio de la interlingvistiko.*

*Volapük mortis pro tio, ke en sociologia aspekto estis sekurita primato aŭ domino de aŭtokrata individuismo super sociaj streboj kaj movoj de l' kolektivo, kiu akceptis kaj uzis ĝin kiel sian lingvon.*

*Ido fiaskis pro tio, ke sociologia aspekto prefere garantiis primaton aŭ dominan rolon al anarkia individuismo de l' adeptoj, kiuj konsideris sin mem aŭtoritatoj super komunaj sociaj movoj de l' kolektivo.*

*Kaj fakte jam ambaŭ lingvoj en sia pure lingvista strukturo estis kapablaj kaj povas decidi ĉiujn lingvajn bezonojn de siaj koncernaj kolektivoj.*

*Ja, Esperanto venkis kaj evoluis spite al ĉiuj baroj, obstakloj kaj mondkataklismoj unuavice, ĉar la sociologiaj fundamentoj de la lingvo estis korespondaj al la sociaj interrilatoj de l' nuntempo. Esperanto disvastiĝis kaj sukcese evoluas, ĉar ĝia fundamento kaj sociologiaj principoj metitaj en fundon estas konkordaj kun la sociaj, komunaj streboj, komprenoj kaj movoj de l' kolektivo, kiu akceptis kaj uzas la lingvon kiel sian praktikan interkomprenilon.*

*Tamen Volapük kaj Ido solvis gravajn sciencajn problemojn. Vere ili estis solvitaj per la metodo, kiu en matematiko estas nomata „Reductio ad absurdum". La unua provis plenan eblecon por artefarita lingvo ekzisti, servi al kolektivo de homoj, asekuri interkomprenon de malsamaj nacioj kaj nacianoj. La dua, kiel ankaŭ la unua pruvis, ke sub primato de individuismo la socia fenomeno, kiel lingvo, ĉesas esti socia ajo, iĝas individua kaj post tio ĉesas esti lingvo.*

*Esperanto pruvis plenan viveblecon de sociologie ĝuste orientita artefarita lingvo, ĝian kapablon ekzisti, evolui, disvastiĝi, servi almenaŭ, amplekse, mezure kaj kvante kiel nacia lingvo al kolektivo, kaj altiri ĉiam pli kaj pli da adeptoj, pligrandigante progrese la kolektivon.*

*Ĝi montris sian eblecon krei propran literaturon inkluzive originalan poezion kaj tiel garantii al si estonton, ĉar nur surbaze de literaturo evoluas ĉiu lingvo, kaj inverse-surbaze de la lingvo evoluas la beletro.*

*Sed bone konsciante la kaŭzojn kaj la bildon de degenero de Volapük kaj Ido, oni tamen ne rajtas moke aŭ malestime rilati al tiuj lingvofenomenoj. Ilia signifo en historio de Interlingvistiko estas praeminenta. Ja Ido estis grava laboratorio de l' lingvo. Ĝiaj serĉoj kaj sciencesploroj*

*gvidataj de altaj celoj pliperfektigi Esperanton venigis al eltrovo de vere zamenhofaj lingvoelementoj, kiuj postvivas la lingvon mem, kaj restis vivkapablaj, eĉ senmortaj kaj estis tiom en ĝenerala direkto de Esperanto-evoluo, ke enirls en ĝian trezorejon, kiel vere esverantaj elementoj. Tio koncernas ne sole akceptitan de l' Esperanto-akademio sufikson „end", sed ankaŭ ne akceptitajn, sed vaste uzatajn lingvo-elementojn, kiel prefikson „mis", tre oportunajn sufiksojn „i" por landnomoj, kaj tiujn sufiksojn kiel „oz", „atr", „ojd" kaj aliajn lingvoelementojn.*

*Samtempe la historio montras, ke la tuta „skismo" de l' komenco de XX jarcento inter esperontistoj kaj idistoj estis fakte „knabeca batalojdo". Ĉar fakte kontraŭ Esperanto kiel ankaŭ kontraŭ Ido armiĝis aliaj pli gravaj kaj pli potencaj malamikaj sociologiaj fortoj en formo ĉu de pure analfabeta ignorismo kaj obskurantismo, ĉu en formo de konscia politika malbonvolo.*

*Kaj ĉi tie kiel ĉefaj prosperfaktoroj elpaŝas en la antaŭan fronton denove sociologiaj faktoroj. Oni devas precipe labori en sociologia kampo por sukcesigi la lingvan evoluon.*

*La historio denove montras, ke eltenis ĉiujn atakojn kaj ofensivojn de malamikaj fortoj — nur kolektivoj de esperantistoj, konsciaj, kapablaj ne nur al instruo de la lingvo, sed kapablaj al literatura laboro, al argumentado kaj venko en disputo, kapablaj uzi faktojn kaj krei faktojn de antaŭenanta lingvo-praktiko kaj uzo.*

*La historio ankaŭ montras, ke adeptoj de Esperanto kaj Ido kaj eble ankaŭ Interlingva kaj aliaj sistemoj havas pli multe da faktoroj kiuj ilin unuigas, ol disigas. Ja ĉiuj ili estas vokitaj argumenti la ĉefan tezon: neceson kaj eblon formi konscie sur scienca bazo interkomprenilon por diversaj nacioj en nuna periodo de l' ekzisto de la homa socio.*

*Certe, estas ankaŭ aliaj taskoj antaŭ la scienca interlingvistiko. Kaj ilia klara kompreno venos kune kun formiĝo, maturiĝo kaj disfloro de sciencaj kolektivoj lingvistaj kaj filologaj, okupataj pri solvo de urĝa problemo ordigi kaj antaŭenpuŝi la sciencan kaj praktikan ellaboron de rimedoj por interpopola kompreno. Por nuna mondo kun ĝia sociologio de dcsdivido kaj milito de unu flanko kaj unuigo kaj paco de la alia tio estas precipe urĝa kaj esenca.*

*N. Danovskij*

---

## DIMMILITA LETERO DE JULIU BAGHYI

La redaktoro de „I. Ĵ." kunlaboris kun hungaraj esperantistoj dum la Dua mondmilito. Tiutempe „Bulgara Esperantisto" estis malpermesita kaj la hungaraj esperantistoj kunhelpis al siajbulgaraj samideanoj en aperigo de speciala bulgara bulteno en E. La leteron manskribis sur notkajera folio la fama hungara Esperantisto kaj poeto Julio Baghyi okaze de la gastado de la bulgara esperantisto Ivan K. Vasilev el Pazarĝik en Hungario. La vorto „certe" estas substrekita de Baghyi mem. La punktoj post la vorto „s-ro" parolas pri Vasilev. La vortoj „nova ordo", kompreneble ne sonas faŝisme.

„Kiam la landlimoj fariĝas preskaŭ „Ĥina muro" kaj la popoloj simpatiantaj unu al aliaj, izoliĝas — vere estas plezure renkonti iun el parenca nacio, kaj amike paroli pri tiuj sentoj, kiuj precipe nun, aktualiĝas por ambaŭ nacioj: bulgara kaj hungara. En la rondo amika regas vigla kaj optimista humoro pri la estonteco kaj pri la rolo de tiu helpa lingvo, kiu certe havos unurangan kulturan taskon en la nova ordo de Eŭropo. Saluton s-o . . . alportis el Bulgario kaj nun alportu koran saluton al via lando flanke de la hungaraj esparantistoj.

*J. Baghyi*

## VETERANOJ DE LA ESPERANTO—MOVADO

### Kvindekjara jubileulo

La 13-an de majo 1967 festis la pola esperantisto mag. fil. *Miećislav* ZGORZEWSKI el Vroclavo ne nur la 67-jaran datrevenon de sia naskiĝo, sed ankaŭ la 50-jaran JUBILEON de sia ESPERANTISTIĜO. Li



estas unu el la plej aktivaj kaj sindonaj esperantistoj ekde la jaro 1917, kiam li estis nur 17-jara junulo.

Malgraŭ jam ekde dek jaroj grava kormalsana (brusta angino) li neniam kapitulaciis al malbona farto *kaj* ĉiatempe *li* pelas *sin al* ĉiuspeca aktiveco en poresperanta agado, fordonante sin korvarme, preskaŭ tute al nia kara Esperanto-ideo.

Kiel aktiva socialisto-esperantisto en la *jaro 1919 li fondis kaj gvidis sian* unuan Esperanto-grupon dor diversprofesiaj laboristoj en Proletara Klubo en Warszawa (tiatempe ĉe str. Leszno 51/53). Post la dua milito, kiel prezidanto de Mara Ligo Krakow-Miasto, *li mem prezidis dum la* jaroj 1945—1949 ankaŭ Esperanto-rondon ĉe Liga Morska en Krakovo. En januaro 1958 inter*alie* s-ano *mag. Zgórzewski fondis kaj ĝis* nun prizorgas la Tutmondan Esperanto-Klubon de Pacamikoj nom. „Amika Servo", ĉe grava ilustrita pollingva semajnrevuo „KULISY" (Kulisoj) en Varsovio, kies tre aktiva muziksekcio „La Verda Liro" eldonas de tempo al tempo multajn modernajn kantojn enforme de memorigaj foto-muzikkartoj kun pola kaj Esperanto-tekstoj kaj notaro. Interalie s-ano Zgórzewski verkis aŭ mem esperantigis plurajn kantotekstojn el pola kaj fremdaj lingvoj.

Sinceran admiron kaj estimdankemon meritas, krom diversaj literaturaĵoj originalaj kaj esperantistaj, *lia vigla* kaj precipe modela poresperanta kaj peresperanta agado, kiel senlaca PACBATALANTO! Interalie li verkis artikolojn pri d-ro Ludoviko Zamenhof (kiun li en jaro 1916 havis la honoron persone koni en Varsovio), pri Esperanto kaj Universala Esperanto — Asocio (U.E.A.), li tradukis pollingven la artikolon de prez. de U.E.A. d-ro CANUTO tit. „JAM TEMPAS", kiun oni publikigis en vroclava gazeto „SLOWO POLSKIE". Krome li estas kunlaboranto konstanta de U.E.A. — Gazetara Servo kaj de la revuo „PACO", oficiala organo de Mondpaca Esperantista Movado (M.E.M.).

S-ano mag. Zgórzewski havas riĉe dotitan intelekton kun alta inteligenteco klarvida kaj saĝa. Krom tio li havas ankaŭ grandan laboremon kaj plej grandan laborkapablon. Li scias ankaŭ la arton de bona kunlaborado. Sian energion, sian tutan talenton li fordonas ĉiutage al ESPERANTO kaj al Esperanto-movado. Li daŭrigos tiel labori, ĝis liaj fortoj permesos al li, ĉar li esperas, ke havos sufiĉan helpon kaj apogon de ĉiuj pozitivaj fortoj en la Esperanto-movado, ĉu de tiuj gesamideanoj, kiuj intencos iam aliĝi al tiu ĉi organizaĵo.

Nia meritplena s-ano mag. Zgórzewski partoprenis la duan militon kiel partizano en regimento de pola Popola Armeo (AL), interalie dum la varsovia ribelo (1944 jaro-pseŭd. „Miecz" kaj „Marlan"). Li estis plurfoje honorita per militordenoj, medaloj kaj civilaj distingiloj. *Lastatempe li ricevis en la* jaro 1951-la Kavaliran Krucon de Polujo Reviviĝinta (Krzyz Kawalerski Orderu Odrodzenia Polski). Krome li posedas multajn meritodiplomojn pri sia vigla porpaca kaj socia agado.

Ni salutas sincere s-anon JUBILEULON mag. fil. Miećislav ZGORZEWSKI el Vroclavo kaj bondeziras al li sanon, longan fruktodonan vivon kaj novajn sukcesojn en lia korvarma, poresperanta kaj PORPACA per ESPERANTO agado.

mag. J a n a A r e n d a r s k a-
S o b i e n i a k o w a
Komitatano de Tutmonda
Esperanto-Klubo de Pacamikoj-nom.
„Amika Servo"

## ISTVAN TOMORKENY

# Estis destinite tiel

(RAKONTO)

Ekstere ĉio ridas kaj ridetas en la maja sunradio, eĉ mem la tero. En la sablo brilas glimeroj, la blankaj kolomboj plumarordiĝante bidadas sur la tegmentoj de la blankmuraj kampardometoj,la hundoj kaj la bovinoj ŝanĝis siajn vintrajn hararojn, jam tio estas facila gaja stato. La pigoj tintas inter la freŝverdaj branĉaroj de la arboj kaj oni diras en la kampardomoj: pigo tintas, gasto venas. Malgrandaj papilioj amante dancas en la aero, sed la grandaj lupopapilioj retiriĝis dormi sub la domdefluilon, ĉar ili vagadis nokte. Sur la firmamento etaj cirusoj naĝadas trankvile, blueta fumo serpentumas supren el la kamentuboj kelkloke, Jes, ĉio-ĉi estas bela.

Tamen ia momenta malgajeco regas en la silenta malgranda kampardomo, en la hejmo de Petro Elekes, ĉi-tie apud la kamparvojeto. Kio okazis? Kial silentas la patro, kial ĝemas la patrino? Nenio okazis, nur nun estas la ekzamentago en la lernejo, en la apenaŭ unuhora proksimo de tie-ĉi, kaj ankaŭ Franĉjo, la filo de gepatroj Elekes, estas tie inter la gelernantoj. La gepatroj ne iris ĉeesti la ekzamenon; kvankam ili povus fari tion pro siaj laboroj, ili sidas hejme nun malgaje. Sed kial ili iru! Ili nur malĝojiĝus kaj havus nur pli novajn kordolorojn, rigardante kaj aŭskultante Franĉjon saĝe paroli kun brilantaj okuloj kaj ekruĝantaj vangoj, kiel tio decas al la plej bona lernanto de la lernejo, kaj eĉ kompreni, ke la plulernado finiĝos por li nun. Franĉjo nun finas la lastan klason, daŭrigo ne estos, maleblas ĝin la mankanta mono; ankaŭ li povos iĝi, kiel la aliaj: bienservanto ĉe iu riĉa bienulo. Pro la malgrandeta propra bieno ili ne povas lasi lin hejme, do li devos forigi. Maleblas, ke ili sendu lin en la urbon plulerni, por ĉi-celo ili ne havas monon, ĉar lia frato lernas jam en la urbo, eĉ tio estas malfacila, kvankam li havas senpagan loĝejon ĉe parenco. . .

El la mateno la tempo kliniĝis al antaŭtagmezo kaj estis jam antaŭtagmezo, kiam oni finis la ekzamenon en la lernejo, eĉ la libropremioj estis jam disdonitaj, la grandnombra gelernantaro disiris. Ili ekiris hejmen.

Ankaŭ Franĉjo venas feliĉe sur la kampvojeto rigardante la libron, precipe la bildojn, li ricevis la plej valoran premion. La patrino rimarkas lin el la fenestro, kiel li proksimiĝas al la domo kaj ŝi ekiras al li. Franĉjo alkuras:

— Patrino! Mia bona patrino!

— Kio, Franĉjo?

— Rigardu ĉi-tiun belan libron. . . . Denove mi estas la unua.

Denove — oni konjektis ĉition hejme. Denove li estas la unua, sed poste?

— Venu, ni montru ĝin al la patro.

Ili portas la libron en la ĉambreton al Petro Elekes, la knabo havas ruĝeton sur la vangoj pro la fiero, metante la premion de sia diligenteco antaŭ la patron sur la tablon. Petro ĝin rigardas, rigardadas ekstere la orumajn kovrilojn, interne la multkolorajn ilustraĵojn, sur la unua paĝo la enskribadon de la maljuna instruisto: „Memore al mia plej bona disĉiplo."

— Vere, ĉi-tio estas bela libro — diras Petro por diri ion. — Sed ankaŭ tio estas bela afero, ke vi meritis ĝin.

Ili profunde silentas. Kiamaniere oni povus klarigi al la knabeto, ke tiu-ĉi mondo ĝuste nun finiĝis, venos la laboro en la vivo, forrestos la libroj el la manoj, kaj anstataŭos ilin la laboriloj. Pereos la blankaj muroj de la lernejo kune kun la diversaj tabuloj kaj landkartoj. Anstataŭ ili sekvos la muroj de stalo, kiuj enŝlosos unu talentan junan vivon. Ho Jezuo, kia terura afero estas la malriĉeco . . . precipe nun ĝi ŝajnigas sin terure.

La patrino timeme diras:

— La lernado nun finiĝis, Franĉjo.

— Finiĝis — diras la filo — kaj ĝi denove komenciĝos aŭtune. Por tiuj, kiuj ankoraŭ ne finis la elementan lernadon.

— Sed vi jam — daŭriga Elekes — vi jam. . .

— Mi jam finis ĝin. Mi nun. . .

La knabeto eksilentas, subite alrigardas la gepatrojn. Li vidas la patron kliniĝante la kapon malbonhumore, kiel li enprofundiĝas en la donaclibron sur la tablo. Konfuzite dancas antaŭ liaj okuloj la maljunmaniere skribitaj literoj: „Memore al mia plej bona disĉiplo."

Li vidas la malgajan vizaĝon de la patrino, li komprenas la subite estiĝantan silenton, kaj nur nun formiĝas en lia cerbo: tio-ĉi eble signifos, ke por li finiĝis jam nun la lernado. Subite li alkuras la patron ĵetante sin al lia brusto kaj, brakumante lin petegas:

— Kara mia patro, instruigu ankaŭ min plu kiel Joĉjon. La patrino ne povas plu toleri, eliras, kvazaŭ ŝi havus iun laboron. La patro restas sola kun sia filo. Li ekparolus, se li povus, sed kion diri? Neesprimeblaj doloroj ondiĝas en la animo, ankaŭ la gorĝon premadas io, en la brusto ia varmego trakuras la kolon al la kapo. Ili pensadis jam pri tiu-ĉi afero (ili havis multan tempon por pensadi en siaj preskaŭ senvortaj vivcirkonstancoj), tamen nun li ne povas paroli. Sed kion oni ne povas, tio estas malutila. Ho, kiomfoje li pensadis jam pri tio kaj, ĉiufoje ĝi evidentiĝis vana. Ili ne havas eblecon. Sed kiel li diru tion nun? Tie-ĉi estas la filo brakumante lian kolon kaj klinante la kapon al lia brusto, fine li kisas lian frunton.

— Ni ne povas, filo mia, ni ne povas fari tion. Vi scias, ke ni estas tre malriĉaj.

La larmoj de la filo fluadas malrapide, la enpaŝanta patrino milde ekparolas:

— Mia filo, malgranda fileto mia.

La patro daŭrigas:

— Eĉ vi ne povas resti hejme — li parolus jam plu — sed la hundo komencas boji en la korto, iu venas. Aŭdiĝas, ke iu trankviligas la hundon, dirante: Ne agrabligu Bodri, ĉar mi tuj batos vin.

La filo deprenas la brakojn desur la kolo de la patro.

---

* Pri la aŭtoro vidu notojn en n-roj 3—4 de I. J. — 1967

— La sinjoro instruisto — li diras.

Vere, jam en la ĉambreto salutas ilin la maljuna instruisto. Li tuj juĝas la situacion, vidante la malbonhumoran viron, klinîĝante super la libron, la filon kun freŝaj larmoŝpuroj sur la vizaĝo, la malgajan silenteman patrinon. Li eksidas kaj ĝemante ekparolas:

— Ĝustadire ankaŭ mi mem venas pro tiu-ĉi afero. La knabo levas siajn larmbrulantajn okulojn kun profundestima honoro al la maljuna mentoro, kiu diras:

— Eliru, mia knabeto, por momento, mi deziras paroli kun via patro.

La knabo silente eliras al la korto, tie li haltas kaj gapadas antaŭ si. Nun la patrino mallaŭte veĝemas kvazaŭ la ĝemo ekŝprucus el sia luktanta koro.

— Ni ne povos, ni ne havas materialajn rimedojn por li. Ankaŭ la alia nur mizere suferas en la urbo.

La instruisto silentas, ĉar kontraŭ tiaspeca argumento kion oni povus diri.

— Mi instruis ankaŭ vin, Petro, eĉ vin Vera, sed neniam mi havis pli talentriĉan lernanton ol via filo. Estos peko kontraŭ la Dio, ke li iĝu bienservisto!

Petro Elekes kun decida movo ekfermas la libron kaj eksteras. Sufiĉas jam pro senkuraĝo, maldecas ĉiam lamenti kaj fine oni devas decidi.

— Do, li fariĝos bienservisto — diras per energia voĉo la patro—ĉar alie ne povos okazi. Li devas perlabori, eĉ ne nur por si mem, sed ankaŭ por la alia, por Joĉjo, kiu lernas en la urbo.

Poste pli mallaŭte li aldiras:

— Ĉar estis destinite tiel de la sorto.

La maljuna instruisto murmuras:

— Jes, devas esti viktimoj. Estas destinite fari oferojn. Ili-la tri homoj-rigardas unu la alian en silenta malgajeco, poste manpremas. La maljunulo foriras. En la korto senvorte preterpasante la knabon, li kisas la frunton de la revanto, kaj kun malĝojaj pensoj rapidas al sia eksilentiĝanta lernejo.

El hungara tradukis:
Ernö Farkas

## INTERHELPO

En soveta gazetaro de tempo al tempo aperas esperanta vorto „Interhelpo", skribata per cirilaj literoj. En la artikoloj, kie ĝi partoprenas estas rivelata jen per unu faceto, jen per alia preskaŭ forgesita historio.

La gazeto „Pravda" skribas en sia numero de 14. I. 1967: „Interhelpo" estas rimarkinda paĝo en la duonjarcenta analo de l' unua socialisma lando, la glora ĉapitro de ĉekoslovaka historio, kapta novelo pri amikeco kaj frateco de l' popoloj". Kaj ĝi citas kelkajn nomojn de Interhelpo-anoj: Karel Ŝulc, Rudolf Mareĉek, Filip Ŝvolik, Ondrej Palinkaŝ — entute en la agrikultura kooperativo „Interhelpo" partoprenis reprezentantoj de 14 nacioj.

Dufoje ĝia prezidanto estis Julius Fuĉik la glora ĵurnalisto, viktimo de la nazioj.

Unuafoje mi legis pri Interhelpo en la tagoj de ĝia fondiĝo en la dudekaj jaroj en esperantaj gazetoj. Poste mi renkontis kelkajn eseojn pri ĝi en la populara soveta ilustrita revuo „Ogonjok" (Fajreto), skribitajn de l' konata ĵurnalistino Tatiana Tess. Poste aperis kelkaj raportaĵoj en „Pravda" kaj „Komsomolskaja Pravda".

Kaj fine la 6-an de januaro 1968 aperis granda frontpaĝa artikolo pri Aleksandr Dubĉek — la nova sekretario de CK de KPĈSSR kiel pri la filo de la estinta Interhelpo-ano. Kaj nun mi volus esprimi kelkajn miajn pensojn kaj konsiderojn pri la eventoj.

Unue. „Interhelpo" estas tre rimarkinda mejloŝtono en la historio de USSR — ĈSSR interrilatoj. Ĝi estas same grava por ĉeĥa popolo, kiel ankaŭ por la soveta. En la plej peza kaj malfacila periodo de l' USSR — historio simplaj homoj el ĈSSR impetis en Sovetan landon por helpi per siaj fortoj, siaj scioj, siaj iloj en rekonstruo de l' socia strukturo.

Due. Kiel sekvo de tio ĉeĥoslovakaj TEĴA-anoj farus bonan servon al nia komuna afero, se ili kolektus kaj publikigus intervjuojn kaj rememorojn de l' estintaj „Interhelpo" — anoj kaj, eble, eĉ kompilus la historion de tiu fragmento de l' ĝenerala historio. Tio estus bela konstribuo al internacis TEĴA — kunlaboro.

Trie. Por esperantistoj-ĵurnalistoj tio havus specifan intereson. Ja la kreintoj de „Interhelpo" estis esperantistoj. En la unika nomo „Interhelpo" por ĉiam restis en Soveta historio kaj toponimiko la esperantista iniciato kaj entepreno, kiu por ĉiam brilos kaj lumigos la amikecajn ligojn inter la popoloj.

Interhelpo estas tiu fakto, entrepreno kaj atingo kiu prezentas samtempe gravan nacian, internacian kaj esperantan valoron.

Transloĝiĝis samtempe tuta grupo da esperantistoj de 14 nacioj en unu lokon en Kirgizio, ĉe la urbo Frunze (tiama Piŝpek) kaj inaŭguris la 24-an de aprilo 1925 la novan popoliniciatan kreaĵon — la kooperativon,

## GRANDA HONORO

**Konekse kun la 60-jara datreveno de sia fondiĝo Bulgara Esperantista Asocio estas honorita de la Parlamento per ordeno „Kiril i Metodij" — unua grado. Tio ordeno estas la plej alta por meritoj en la sfero de la kulturo, klerigo, arto kaj scienco. Okaze de tiu datreveno en la Nacia Biblioteko „Kiril i Metodij" oni organizis Esperanto-ekspozicion.**

## KUNLABORU AL „INTERNACIA ĴURNALISTO"

**Devo de ĉiu konscia membro de TEĴA estas sendadi kontribuaĵojn regule al nia organo. Ne cesaj estas artikoloj, informoj, sciigoj, fotoj pri ĵurnalistaj, krome rakontoj, raportaĵoj, vojaĝpriskriboj, humoraĵoj kaj karikaturoj.**

## LA VIOLONISTO

Tien ĉi, al la muroj de la fortikaĵo Ust-Labinskaja, oni forpelis ilin por la ekzekuto. En la homamaso de la destinitoj al morto estis malhelokula knabo en velura jaketo kun la violonujo en mano. Li estis nomata Musja Pinkinson. La familion de Musja pafmortigis faŝistoj kaj nun venis lia vico.

— Sinjoro oficiro, permesu al mi violonludi la lastan fojon — petis la knabo.

— Violonludi? Ĝi tie?! Nu, tio estas eĉ amuze. Nur rapide!

Mallevinte la violonujon sur la teron la knabo zorge eligis la violonon kaj komencis agordi ĝin. Centoj da okuloj kun miro kaj maltrankvilo observis ĉiun lian movon. Kaj li ekludis per la violonon. Tio estis la „Internacio"! Por momento la homoj kvazaŭ ridiĝiĝis kaj subite eksonis — komence timeme, poste pli kuraĝe kaj larĝe: „Por finlukto socia. . ."

Furioza insulto kunfluiĝis kun la pistola bojado, interrompinta la fieran melodion de la himno. La knabo kuŝis sur la teron ĉirkaŭbrakinte la violonon kiel soldato, kiu eĉ kiel mortanto ne ellasas el siaj manoj la batalilon.

**V. Ĉevnjevskij**

El la rusa tradukis: **A. Sidorov**

## SPECIALA PETO AL LoKoKo EN MADRID KAJ AL HISPANAJ ĴURNALISTOJ-ESPERANTISTOJ

**La redakcio de „Int. Ĵurnalisto" petas LoKoKo-n en Madrid kaj hispanaj esperantistaj ĵurnalistoj sendi al la organo de TEĴA — historiaĵn, kulturgeografiaĵn k. s. artikolojn pri la lando kaj la urbo de la 53-a Universala Kongreso de Esperanto 1968 kaj interesaĵn fotojn. La materialoj estas rapide bezonataj.**

## RICEVITAJ ESPERANTAĴOJ

— La Vjetnama problemo — de Luu Quy KY. Libreto 74-paĝa, klariganta la verajn kaŭzojn pri la 13-jara rezistado de la vjetnama popolo en Norda kaj Suda Vjetnamio kontraŭ la usonaj invadantoj. Eldono de Fremdlingva Eldonejo, Hanoi, Vjetnamio, 1967 jaro.

— Nordvjetnamio kontraŭ la U.S. aermilito — de Hai Thu. — Broŝuro priskribanta la kontraŭaviadila batalo de la nodvjetnama popola respubliko kontraŭ la aviadilaj detruaj aeratakoj de Usono, komenciĝintaj en aŭtuno 1964. Aldone: fotoj kaj ciferoj de faligitaj U. A. aviadiloj. Fremdlingva Eldonejo, Hanoi, 1967 j.

— XXXVI Internacia Specimonvoiro de Balcelona — eldonitaj diverskoloraj afiŝoj (unu pli malgranda sur kartono). Eldonisn: la Informa kaj Propaganda fako de la Foiro de Barcelona, Hispanio.

## SINBRULIGO DE JAPANA VETERANO-ESPERANTISTO

**En signo de protesto kontraŭ la Usona sangavida milito kontraŭ la kunlaboro de la japana registaro kun Usono, la japana veterano-esperantisto Juj Ĉunosin sinbruligis, kio elvokis grandegan reehon kaj indignon en ĉiuj landoj de la mondo.**

---

poste ili konstruis domojn, elektrostacion, ledan uzinon, drapan fabrikon. En la tuta iniciato estis herolda alvoko de granda potenco pri paca kunlaboro.

En la jaro 1935 Julius Fuĉik skribis: . . . Pleje ĝojigas min la fakto, ke „Interhelpo" dum la jaroj ĉesis esti ĉeĥoslovaka insulo en la soveta oceano. Ĝi tiom kunfandiĝis kaj interplektiĝis kun la soveta vivo, tiom enplantiĝis en ĝin, ke nun ne estas eble elŝiri Interhelpon el la soveta vivo."

Tial ni devas unuavice en nia Esperanto-gazetaro kaj, certe, antaŭ ĉio en „IJ" rakonti pri la ĝermiĝo, naskiĝo de Interhelpo, pri ĝiaj faroj kaj atingoj por ke la kolegoj esperantistaj ĵurnalistoj ekkonu tiun gravan Esperanto-eventon kaj ĉerpu en ĝi sian inspiron, siajn temojn, siajn sociajn taskojn.

Tiu trezorejo de interpopola kunago, kie sian konvenan lokon okupis la internacia lingvo, devas esti konstanta vojmontra stelo en la venkoporta aliro de l' esperantistaro. Kaj la Esperanto-helpo en „Interhelpo" same kiel simila helpo fare de la internacia lingvo en la Internaciaj brigadoj de l' popola Hispanio en la jaro 1936 devas esti tute klare kaj plenmezure aprezitaj, komprenitaj kaj priskribitaj de modernaj esperantistoj-ĵurnalistoj — niaj kolegoj TEĴA-anoj, ĉar la sperto de la pasinto estas ekstreme grava por la nuntempo kaj por la estontaj gravaj kaj grandaj faroj de la tutmonda esperantista movado.

N. D.

## ESTRARO DE TEĴA

*Prezidanto — Olav Thormodsen, P. O. Box 59, Haugesund, Norvegio.*

*Vicprezidantoj — Niilo Kavenius, Taskulantie 1, H139, Turku 9, Finnlando; N. F. Danovskij, Metrostroevskaja 3/14, kv.1., Moskva G-34 USSR.*

*Ĝenerala Sekretario kaj Redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“ — Ivan Keremidĉiev Esperov, bul. „Hristo Botev“ 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04.*

*Estraranoj: s-ino Karen Salmose, Dalgatan 3A, Märsta, Stokholm, Svedio; Imre Szenes, Rakoczi ut 54, Budapest VII, Hungario; Jerzi Uspenski, Anielewicza 2 m 32, Warszawa, I, Pollando; s-ino Zlata Flego, Zagreb, Jugoslavio kaj I. Jepsen, Danlando. (La lastaj du adresoj neplenaj).*

KOMITATANOJ DE T. E. Ĵ. A.

Ĉeĥoslovakio — Vladimir Kvapil. Nádražn 334, Bludov, okres Šumperk.
Rumanio, Stefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bukuresti.
Israel — Oskar Berman, rehov Tarna 49, P. K. 30, Hedera.
Vjetnamio — Dau — Anh Kna, No Quoctenou Bv Vietnam, Hanoi (via URSS).
Ĉinio — Shi Si-wei, ĵurnalista fako — Pekina Universitato, Peking.

REPREZENTANTOJ DE T. E. Ĵ. A.

Germanio (GFR) — Maria Vogel, Kniebestrasse 31 Stuttgart.
Japanio — Kyosuke Yukimara, 851, Shinobe Befu Kakogawa.
Brazilo — Sylla Chaves, Rua Bona Mariana, 97, apart. 805, Botafogo, Rio de Janejro.
Aŭstrio — Alois Hilkersberger, Lötzweg 15, Landeck, Tirol.
Francio — Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, Asnieras, (Seine).
USONO (U.S.A.) — Conrad Fisher, Secretary, R.F.F.I, Cavlin Street, Meadville, Penzylvania 16335.
Aŭstralio — Iréne Fink, F. C. Box. Mount Waverlev, Victoria.

La estraranoj de TEĴA estas membroj de la Cetra Estraro. Ili estas elektataj en ĝenerala fakkunveno.

Komitatanoj estas en tiuj landoj, kie ekzistas pli ol 5 asociaj membroj. Ili estas elektataj de la landaj membroj aŭ nomataj de la Estraro kaj havas rajton prizorgi la aferojn de TEĴA en sia lando kaj se necese voĉdoni kiel konsilantoj de la Estraro pri gravaj demandoj.

La reprezentantoj reprezentas la asocion en sia lando, kie estas malpli ol 5 membroj.

Ĉiuj-estraranoj kaj reprezentantoj laboras por aligo de novaj TEĴA-membroj, por plenumo de la decidoj de la ĝenerala kunveno kaj de la instrukcioj de la Estraro. Ĉiuj ili kolektas la membro — kaj abonkotizojn en sia lando (ankaŭ en najbaraj landoj) kaj konservas la monsumojn ĉe si ĝis kiam aperas ebleco transdoni ilin (laŭ peto de la Sekretario) al la redakcio de „Int. Ĵ-sto“.

La membrokotizo (kaj la abonkotizo) de „Internacia Ĵurnalisto“ jam estas 1,20 usona dolaro aŭ egalvaloro pro senvalorigo de la mono en Okcidento.

## HUMORO

G. Ciferov

### Diskuto

Azenido kaj ursido konstante diskutas. La unua parolas: „Ĉio venas“, la alia — „Ĉio foriras“.

Vekiĝante matene la ursido ĝojkrias: — Jen, la mateno venis. Kaj la azenido lamente kontraŭas: — Nu, jes. La nokto foriris.

Dum la tago ripetiĝas la sama afero. Kiam la ursido ekkrias: — La tago venis! la azenido ekploras: — Nu, jes, ja la mateno foriris.

Kaj jen kio okazis foje. Al ili faris viziton elefanto.

— Vidu, vidu! — ekkriis la ursido. — Al ni venis elefanto.

— Nu, jes. — eklamentis la azenido — Ĝi ja foriris el sia hejmo.

### Interparolo kun infanoj

— Ĉu vi scias, ke ĉiuj homoj devenis de simio, kaj mi kaj via panjo?

— Vi. . . jes, povas esti, sed mia panjo — ne!

*

— Nu, Anjo, sufiĉas, ne ploru plu! . .

— Tamen mi ploras ne pro vi, sed pro onklinjo Nina.

*

— He, panjo, kial vi naskis la abomenan frateton Gukan? Estus pli bone se li ankoraŭ sidus en via ventro kaj enuus tie dum la tuta sia vivo.

El la rusa: A. Sidorov

Redaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, bul. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario, tel. 83-34-04